


# INTERNACIA FERVOJISTO

**2008.6**




***Memorŝtono de IFEF starigita en Malbork.***

*La reloj ligas la landojn, Esperanto la popolojn.*

# Prezentado de uniformoj en Triesto

*Cele al konigo de la diversaj fervojaj vestaĵoj, (la nunaj kaj la iamaj), speciala aranĝo estos organizata de la L.K.K. en Triesto.*



*Pripensu la aferon kaj :*

- *kunportu viajn fervojajn kostumojn,*
- *Kunportu viajn fotojn de la tiamaj uniformoj.*

**Frontpaĝe.**

Okaze de la postkongreso en Malbork, solene, eminentuloj malkovris la memorŝton de IFEF *apud la plantita arbo de IFEF*

## Enhavo




# Nia 61-a IFEF-kongreso okazos en Triesto (Italio)

De la 23-a ĝis la 29-a de majo 2009

## *Triesto Vin atendas!*

**Triesto** : Urbo enigma, fascina, iom malfacile komprenebla, kun aspiro al malfermo mediteranea, kaj ĉefe mezeŭropa. Ĝi ne estas tiel artaĵoriĉa, egalebla al Romo, Florenco aŭ Venecio, sed historie grandvalora, jes! Spuroj romiaj ĝin pavimas ekde kiam ĝia nomo estis Terĝeste, por poste paŝadi, en tempoj pli proksimaj al ni, en vojojn komercajn, alportantajn favorajn vivkondiĉojn, danke al ĝia rolo privilegia kiel marelirejo de la danuba-habsburga landinterno.

**Triesto**, vojkruciĝo kie kulturoj kaj religioj de centra kaj orienta Eŭropo renkontiĝas kun okcidenta mondo, kie la latinaj lingvoj sin komparas kun la ĝermanaj kaj slavaj, celante trovi komunan fruktodonan grundon por reciproka pliriĉiĝo.

**Triesto**, vigla kaj entreprenema kaj energioplena, prezentas siajn stratojn kaj palacojn memorantajn Vienon kaj Budapeŝton, la imperiajn ĉefurbojn.

**Triesto**, la urbo de *Svevo*, *Saba* kaj *Joyce*, kun kultura agado intensa kaj fervora, kies atesto estas la teatroj, la bibliotekoj kaj librejoj, la historiaj kafejoj, tiuj literaturaj salonetoj - ardaj forĝejoj de pasioj kaj ideoj.

**Triesto**, urbo mara kaj roka, urbo venta kaj taŭzita, urbo monumenta kaj nostalgia, malfermata al ĉio sed samtempe malriskema kaj timema…

Dum via restado en Triesto, klopodu ĉion ĉi esplori kaj sperti: certe pliaj surprizoj malkaŝiĝos al vi!

## *Kelkaj el la vizitindaj lokoj en Triesto*

### KASTELOJ

**Kastelo de Sankta Justo**: historia emblemo de Triesto, kiu de la samnoma monteto gardas la urbon, sube kuŝantan.

**Kastelo de *Miramare***: reĝa rezidejo, la taŭga kadro por la romantika aventuro de Arkiduko Maksimiliano de Habsburgo frato de Imperiestro Francisko Jozefo, kaj lia edzino *Carlotta* el Belgio.

**Kastelo de *Duino***: sepcentjara reĝejo, dronanta en parko densa je rozoj kaj begonioj, ankoraŭ nuntempe loĝata de la Princoj *von Thurn und Taxis*, riĉa je gravaj artaj ĉefverkoj kaj historiaj memoraĵoj.

### URBAJ MUZEOJ PRI ARTO

**Muzeo *Revoltella***: historia vilao el la 18a jarcento, aparteninta al Barono *Pasquale Revoltella*, en kiu troviĝas verkoj de la plej gravaj italaj artistoj.

**Muzeo pri Historio kaj Arto, Ŝtongravuraĵa ĝardeno**: kolekto de praepokaj arkeologiaj iloj, de egipta, greka kaj romiaj valoraj trovitaĵoj, kaj, en salono aparte dediĉita, objektoj el Majaa kulturo.

**Muzeo *Sartorio***: historia rezidejo de la familio *Sartorio*, el la 17a jarcento, kun kolektoj de italaj ceramikaĵoj, pentro- kaj skulpto-artaĵoj, ekde la antikva arto ĝis 1900.

### URBAJ MUZEOJ PRI HISTORIO

***Risiera San Sabba*** ("Riz-senŝeligejo" *S. Sabba*): la nura kaptitejo kaj nazia deportejo en Italio, deklarita en 1965 Nacia Monumento.
**Muzeo pri Milito por la Paco**: eksterordinare ampleksa kolekto de la triesta klerulo *Diego de Henriquez*, konsistas el militaj kaj civilaj transportiloj, peza kaj malpeza artilerioj, el riĉa biblioteko kaj arkivoj militaj, civilaj kaj kartografiaj.

**Poŝta kaj Telegrafia Muzeo**: diversaj sekcioj pri poŝto, telegrafio, poŝtaj kartografio kaj arkitekturo, filatelo ekde Aŭstria periodo ĝis modernaj epokoj.

### URBA MUZEO PRI TEATRO

**Muzeo *Carlo Schmidl***: fondita danke al heredaĵo de la triesta muzikeldonisto *Carlo Schmidl*. Pro riĉa dokumentaro, muzik-instrumentaro kaj tiutema objektaro, ĝi viciĝas kiel dua en tuta Italio, post tiu de Teatro *Alla Scala* en Milano.

Ankoraŭ pluraj muzeoj ĉi tie oni indus enviciĝi, inter kiuj la Nacia Muzeo pri Antarkto, la Mara Muzeo kaj Akvario, la Magazeno de la Ventoj, *Speleovivarium*, sed … kial ne vi mem malkovru aliajn vidindaĵojn? Kaj fine:

### DIVERSKULTAJ PREĜEJOJ

**LA ENSEMBLO** de kultaj konstruaĵoj, arkitekture malsamaj, grupiĝantaj en la urbocentro laŭ egaleca graveco, donas al Triesto specialan econ, atestantan ĝian historian evoluon. La establiĝo de la diversaj komunumoj, kiuj aldoniĝis iom post iom al la origina urba kerno, post la proklamado de sendogana haveno, kreis situacion danke al kiu grekoj, ilirioj, serboj, germanoj, svisoj, angloj kaj judoj alportis kultajn konstruaĵojn en stilo kiu inspiriĝis al siaj propraj kulturo kaj devenlando.

La "rajtigilo" de Maria Terezo, kiun sekvis la Edikto de toleremo de Jozefo la 2a en 1781, donis impulson al tiu ĉi konstruado laŭ la stiloj novklasika, novbizanca, novgotika, eklektika, florstila ekde la fino de la 18a ĝis la komenco de la 20a jarcentoj, kio esprimas la konkretan realigadon de tiuj klarvideco kaj eksterordinara intuicio, ke libero kaj toleremo kreas la plej

fruktodonan grundon por paca kunvivado, en kampoj religia kaj kultura, cele al elflorado de tuturba ekonomio.

***Jen kelkaj ekzemploj, kiujn vi povos ĝui en Triesto*** :



Serbo-ortodoksa Preĝejo Sankta Spiridiono



Kastelo de Sankta Justo



Izraelida Templo



Evangelia Preĝejo



Katedralo Sankta Justo

# Raporto de la ĉefkomitatano



En oktobro 2007 mi partoprenis la Aŭtunan kunvenon de la IFEF-estraro en la hungara ĉefurbo Budapeŝto, kie estis pridiskutitaj diversaj punktoj kiel 60-a IFEF-kongreso en Poznano; organizaj, financaj kaj redakciaj aferoj, agadplano kaj eksteraj rilatoj de IFEF.

En la interkongresa periodo, mi krome partoprenis la 49-an IFES/VIFES en Braŝovo, Rumanio (23.-29.2.2008) kaj iujn aliajn aranĝojn organizitajn en Aŭstrio, Ĉeĥio, Hungario kaj Pollando cele al kontakti la membraron kaj plibonigi kunlaboron.

Kun D-rino Anna Abelovská, la Sk de Ĉeĥa l.a. de IFEF kaj Honora Membro de FISAIC mi kelkfoje vizitis Pollandon cele al konsulti LKK-preparlaborojn de la kongreso kaj por prepari aranĝon kun planto de kverko kaj malkovro de la E-memorŝtono kiel simboloj de IFEF en „Parko de la Mondo“ en Malbork.

Mi preparis kaj sendis du cirkulerojn. En la unua, mi informis pri starigo de la memortabulo honore al longjara GEFA- kaj IFEF-prezidanto Joachim Giessner en parko ĉe la stacidomo en Herzberg am Harz – la Esperanto-Urbo kaj invitis partopreni la oficialan inaŭguron, la 30-an de junio 2007. En la dua cirkulero mi laŭ sugestoj de la estraranoj informis kaj atentigis pri iuj gravaj taskoj kaj alvokis ellabori Jarraporton 2007 laŭ aldonita Demandilo. La dokumentoj estis senditaj al la estraranoj kaj pere de l.a. al la komitatanoj eĉ al kontaktuloj en landoj, kie IFEF nuntempe ne havas funkciantan l.a.-n.

Entute venis jarraportoj el 16 landoj ; malgraŭ peto ne venis tiuj el Serbio, Pollando kaj Slovakio.

Mi daŭrigis kontaktojn kun individuaj membroj kaj kontaktuloj en landoj, kie IFEF ne havas funkciantan l.a-n. Mi kunlaboris sendante raportojn kaj informojn al diversaj E-gazetoj kiel "*La Ondo de Esperanto*", "*Esperanto*" de UEA kaj al redakcioj de la radiaj E-elsendoj. La plej bona kunlaboro tiucela estas kun "*Ĉina Radio Internacia*", kiu plurfoje raportis pri niaj aranĝoj kaj agado.

Nesukcesaj ĝis nun estas klopodoj cele al renovigi agadon de landa asocio en Serbio kaj trovi kunlaborantajn kontaktulojn en kelkaj aliaj landoj kiel Britio, Svedio, Finnlando kaj Baltmaraj landoj. Mi klopodos daŭrigi tiun ĉi informan kaj varbcelan agadon.

Mi kore dankas la estraranojn, anstataŭantinon de ĉk sinjorinon Rodica Todor, la komitatanojn kaj ĉiujn aliajn, kiuj kunlaboras kaj helpas min por plenumi miajn taskojn.

Mi ĝoje kaj kun danko akceptos ĉiun proponon kaj sugeston por plibonigi mian agadon por la prospero de nia Federacio!

*Poznano, la 20-an de majo 2008*
*Ĉk Jindřich Tomíšek*

# Fervojistoj – esperantistoj en Parko de la Mondo en Malbork.

Postkongresaj tagoj de la 60-a kongreso de IFEF gvidis aliĝintajn partoprenantojn de la 24-a ĝis 28-a de majo 2008 tra belegaj kaj interesaj lokoj de Pollando.

Ili vizitis lokojn kunligitajn kun komencoj de Pola ŝtato kaj loĝlokojn, kie naskiĝis kaj vivis du internacia lingvo Esperanto. Laŭvice oni tiel vizitis Toruń, Olsztyn, Malbork kaj aliajn urbojn inkluzive de Bjalistoko, lulilo de Esperanto. La postkongreso finis en la pola ĉefurbo Varsovio.

Malbork, la iama rezidejo de la Ordeno de la teŭtonaj kavaliroj




*Solena malkovro de la memorŝtono de IFEF apud plantita arbo de IFEF, (foto farita de Jovan Mirković el Maribor, Slovenio, kiu ankaŭ havas en la Parko siajn ŝtonon kaj vitkreskaĵon).*

grandaj poloj : pola matematikisto kaj astronomo Nikolao Kopernik kaj D-ro L. L. Zamenhof, la kreinto de la kaj la urbo kun multaj historiaj memoraĵoj estas konata ankaŭ kiel urbo kun la plej multnombraj

ZEOJ. Dimanĉe la 25-an de majo en kadro de la Postkongreso tie ĉi okazis solena malkovro de plia memoraĵo.

Pro tio, ke en Malbork alvenas multaj konataj homoj el la mondo, i.a. Nobel-premiitoj, diplomatoj, parlamentanoj, politikistoj, sciencistoj kaj kultur-aktivuloj, esperantistoj aŭ apogantoj de la ideo de




interkompreniĝo kaj de la pontlingvo Esperanto, la loka E-klubo, kiu havas nomon "*Kastelo*", kune kun la Urba Konsilantaro alprenis la ideon krei unikan *"Parko de la Mondo"*.

Ekde la jaro 2000-a, multaj eminentuloj plantis en la parko siajn arbetojn kaj malkovris la E-memorŝtonojn, ĉiu nome de sia propra lando. Tio estis komuna kontribuo por alproksimiĝo de la nacioj, antaŭ la plivastigo de la Eŭropa Unio. Nuntempe, apud plantitaj arboj, troviĝas jam pli ol tridek (precize 36) ŝtonoj kun surskriboj el diversaj landoj de la tuta mondo.

Dimanĉe la 25-an de majo 2008 antaŭtagmeze, ĉi tie, delegacio de Internacia Fervojista Esperanto – Federacio (IFEF) en kadro de la Postkongreso metis florbukedon al la Monumento de la Kreinto de Esperanto D-ro L. L. Zamenhof (meze de la Parko) kaj poste apud la plantita kverko solene malkovris la memorŝtonon kun emblemo kaj surskribo de IFEF. La solenan malkovron partoprenis la Estro de Malborka Distrikto Mirosław Czapla, la Prezidanto de la Urba Konsilio Arkadiusz Mroczkowski, delegacio de IFEF gvidata de la ĉefkomitatano Jindřich Tomíšek, Gvidanto de la Teknika Komisiono de IFEF Jan Uldal Niemann, la LKK-prezidanto Wieslaw Libner, esperantistoj el multaj landoj, inkluzive lokaj gvidataj de D-ro Edward Kozyra, Prezidanto de la E-klubo Kastelo kaj vicprezidanto de la Pola E-Asocio.

Al la solena akto kontribuis plaĉa prezentado de la Infana folklora ensemblo de kantoj kaj dancoj Malbork direktata de sinjorino Edyta Pleskot el Garnizona klubo de Malbork.

La memorŝtono de IFEF kun arbo „kverko" tiamaniere alviciĝis al la jam ekzistantaj ZEOJ de la Parko de la Mondo, apud la Skvaro Esperanto en la centro de la urbo.

*Jindřich Tomíšek, ĉk de IFEF*

# KONCIZA LABOR-RAPORTO DE LA ĈINA FERVOJISTA ESPERANTO-ASOCIO

2008-05-17

Okaze de la 60-a IFK,Ĉina Fervojista Esperanto-Asocio, Esperanto-Asocio de Interna Mongolio kaj Tianjin-a Esperanto-Asocio adresas al la kongreso varman graluton. Plenan sukceson al la kongreso!

La sukcesa okazigo de la 58-a IFK en Shanghai de Ĉinio forte kuraĝigas ĉinajn fervojistojn esperantistojn kaj akcelas la Esperanto-movadon de Ĉinio. Post la kongreso ĈFEA serioze resumis pri la laboro de la Asocio kaj faris la labor-projekton de la Asocio.

En la 6-a Ĉina kongreso de Esperanto en Fuzhou ĈFEA estis honorigita per la titolo de avangarda asocio de Ĉinio kaj nia prezidanto s-ro Li Sen estis premiita per speciala kontribuo al la Esperanto-movado. En la 7-a Ĉina kongreso de Esperanto en Guangzhou ĈFEA ricevis la titolon de avangarda asocio de Ĉinio en 2005-2007. Nia vicprezidanto s-ro Han Zuwu ricevis la titolon de avangarda persono de la Esperanto-movado.

ĈFEA sin dediĉas al la propagando de la brilaj konstruo-atingoj de la ĉina fervojo al la mondo per Esperanto. Lastajn jarojn ni propagandas pri la rapidpligrandigo de la ĉina fervojo ne nur en la revuo de nia asocio, sed ankaŭ en la rilataj broŝuroj eldonitaj de ĈFEA. Nia prezidanto s-ro Li Sen ĉionamplekse kompilis la fervojan terminaron ĉinan, anglan kaj Esperantan. Li klopodas plenumi tridek mil terminojn ĉijare, dezirante ricevi multan subtenon de ĉiuj amikoj. Propagante ĉinan poeman kulturon per Esperanto, ĈFEA eldonis librojn "Poemoj de Tang-dinastio", "Poemaro de Dufu", "Reta verkaro de Esperanto I. II de Wang Chongfang", kaj subtenis eldoni la Ĉina-Esperantan vortaron kun 100 000 terminoj.

ĈFEA strikte ligas la fervojistajn esperantistojn, troviĝantajn dise en diversaj lokoj de Ĉinio por unuiĝi kaj agadi kune.

Ni eldonis preskaŭ 100 numerojn de la organo de ĈFEA "Fervojista esperantisto", publikigita ekde 1987. Ni faros ĝin la revuo de ĉiuj ĉinaj fervojistaj esperantistoj. La ĉefa enhavo de la revuo estas pri:

ĉefaj agadoj de IFEF kaj FISAIC;

valoraj spertoj kaj informoj de diverslandaj asocioj;

agadoj de ĈFEA;

ĉefaj informoj de la ĉina esperantistaro;

disvolviĝo de modernigo de la ĉina fervojo;

fervoja faka terminaro.

Ni planas kompili la lernolibron de Esperanto pri fervojo, funkciigi la nedevigajn Esperanto-leciojn en la alt-lernejoj de Interna Mongolio, prezenti la informojn pri la fervojkonstruado de diverslandaj asocioj de IFEF por interŝanĝi la spertojn inter ili. Tio estas nia ĉefa tasko. Ni esperas ricevi la subtenon de ĉiuj landaj asocioj de IFEF.

Kontakt-retadreso :

Li Sen – "*gaols720@163.com*"

Han Zuwu – "*hanzuwu@hotmail.com*"

*Eltirata de speciala numero 2008.5 de la revuo "Fervojista Esperantisto" (Ĉina Fervojista Esperanto-Asocio)*

# KUNSIDO EN HUHEHAOTE

La 14-an de junio 2008 s-ro Han Zuwu, vicprezidanto de la Ĉina Fervojista Esperanto-Asocio vizitis la urbon Huhehaote, kie okazis komuna kunsido de la Esperanto-Asocio de Interna Mongolio kaj la Ĉina Fervojista Esperanto-Asocio. Invitite de LKK de la IF-kongreso kaj sendite de la Ĉina Fervojista Esperanto-Asocio, Han Zuwu vizitis Pollandon de la 15-a de majo ĝis la 2-a de junio ĉijare. Li multimedie raportis al la malnovaj amikoj kaj kolegoj pri la 60-a Internacia Fervojista kongreso en la kunsido.




*S-ro Han Zuwu prezentas flagon de internaciaj kongresoj de IFEF*

La kongreson ĉeestis 169 personoj el 17 landoj kaj regionoj. En la kongreso okazis inaŭguro, fermo, nepublika kunveno de komitatanoj, plenkunsido de komitatanoj, fakaj prelegoj, faka terminaro, prezento pri la venonta 61-a IFK kaj diversaj vesperoj: interkona, nacia, adiaŭa, bankedo kaj internacia balo. Krome, duontagaj kaj tuttaga ekskursoj estis bone aranĝitaj.

Dum la kongreso estis unuanime aprobitaj la estraranaj raportoj : de sekretario Marica Brletic, redaktoro Jean Ripoche, kasisto Laurent Vignaud, la resumo de la jarraportoj 2007 de la landaj asocioj, la buĝeto 2009, raportoj pri la rilatoj al UEA kaj FISAIC, konfirmo de invito al la 61-a IFK 2009 (Triesto / Italio), elekto de lando por 2010 (Ĉeĥio), la 62-a IFK kaj aliaj rilatoj pri la Esperanto-eventualaĵoj de IFEF. La prezidanto de la LKK de la 61-a IFK d-ro Romano Bolognesi oficiale invitis min kaj ĉinajn kolegojn kaj amikojn partopreni en kongreso de la 23-a ĝis la 29-a de majo, venontjare, en Triesto - Italio. En la plenkunsido mi elmetis nian ideon: “*Unue ni devas konigi al la homoj, speciale junuloj, la utilecon de Esperanto. Poste ni devas klopodi kunlabori en aliaj flankoj, ekz. turismo, eduko, scienco-teknikoj, komerco ktp. por ricevi la financan subtenon por la Esperanto-movado.*”

Post la kongreso estis aranĝita la ekskurso al Toruno, Malborko, Gdansko, Olsztyno, Bjalistoko kaj Varsovio. Ĉie, kie mi estis, gvidis nin la lokaj esperantistoj. En ĉiuj urboj

okazis kunsidoj de esperantistoj.

En Malborko ekzistas "Parko de la Mondo". Ekde la jaro 2000, multaj eminentuloj plantis en la parko siajn arbetojn kaj malkovris la E-memorŝtonojn, ĉiu nome de sia propra lando. Tio estas komuna kontribuo por proksimiĝo de la nacioj, antaŭ la pli-vastigo de Eŭropa Unio. Nuntempe apud plantitaj arboj staras jam tridek ses ŝtonoj kun surskriboj el diversaj landoj de la tuta mondo, en la centro de la parko staras La monumento de Ludoviko L.Zamenhof. Ĉirkaŭe troviĝas memorŝtonoj de Aŭstralio, Brazilo, Bulgario, Ĉeĥio, Ĉilio, DR Kongo, Francio, Germanio, Hispanio-Valencio, Hungario, Irlando Israelo, Italio, Japanio, Koreio, Latvio, Litovio, Pollando, Ruslando, Svedio kaj aliaj. Dum la postkongresa ekskurso ni vizitis la "Parkon de la Mondo", kie okazis solena malkovro de la memorŝtono de IFEF kaj apude estis plantita la IFEF-kverko. Starante en la parko, mi demandis min : ”Kiam aperos la memorŝtono de Ĉinio en la Parko de la Mondo ? ”

En la kunsido de Bjalistoka Esperanto-Centro, la estroj de la LKK de la 94-a UK, vicurbestro de Bjalistoko s-ro Aleksander Sosna kaj direktorino de la regiona instanco de Pola fervojo s-rino Elzbieta Zaluska bonvenigis la divers-landajn fervojistojn al Bjalistoko kaj invitis ĉiujn kongresanojn kaj pere de ili diverslandajn esperantistojn partopreni en la 94-a UK, okazonta de la 25-a de julio ĝis la 1-a de aŭgusto 2009. Dum la kunsido Han Zuwu estis intervjuita de la Bjalistoka Televido. (Televizia stacio ITV) La LKK invitis Han Zuwu kaj pere de li invitis pli da ĉinaj esperantistoj veturi al Bjalistoko por la UK venontjare.

Por renkonti la 94-an UK, ekde la 1-a de junio veturas en Pollando speciala trajno, nomata ***"Trajno Zamenhof",*** de Bjalistoko ĝis Bielsko-Biala tra Varsovio, ĉiutage iro kaj reiro. La trajno reklamas Esperanton kaj la naskiĝurbon de Ludoviko Zamenhof. En la trajno estos disdonitaj flug-folioj pri Esperanto kaj Bjalistoko. Per la trajna mikrofono Ludoviko rakontos al vojaĝontoj pri la ideo kaj la lingvo universala.

Post la raporto de Han Zuwu, nia prezidanto s-ro Li Sen resume diris : “En Harbin ni sukcese okazigis jar-kunvenon de ĉinaj fervojistoj. Niaj fervojistoj lernu "Esperanto" pli diligente por apliki la internacian lingvon Esperanton. Mi alvokas niajn asoci-anojn fari taglibrojn en Esperanto por ekzerci sin en la parolado kaj skribado. Ni decidis fini la vortaron "*FERVOJA TERMINARO EN ĈINA-ESPERANTA-ANGLA LINGVO"* kun 30 000 terminoj, en 2010, por festi la 88-a jaraĝan naskiĝtagon de s-ro Li Sen.”

Ni esperas, ke ĉinaj fervojistoj kune kun ĉiuj ĉinaj esperantistoj faros pli grandan progreson kaj akiros pli da sukcesoj en la Esperanto-movado en Ĉinio kaj tra la mondo.

*Han Zuwu,*
*vicprezidanto de la Ĉina Fervojista Esperanto-Asocio*

# ESPERANTO-MUZEO EN SVITAVY EKFUNKCIAS

Multaj verŝajne scias pri Esperanto-muzeo en la ĉeĥa urbo Česká Třebová. Parolante pri la nova Esperanto-muzeo en Svitavy decas mencii unue ĝin, ke ne estu miskomprenoj.

Post la politika ŝanĝo en Ĉeĥio, kiu havis krom multaj pozitivaj trajtoj ankaŭ negativajn, precipe ekonomiajn, gravaj modifoj okazis. Unue la Klubo de la pragaj esperantistoj kaj sekve ankaŭ la Ĉeĥa Esperanto-Asocio devis forlasi siajn klubejon kaj oficejon kaj ekestis problemo, kien meti la aĵojn, precipe la bibliotekon hereditan de Jaroslav Šustr (5800 volumoj) kaj arĥivon. Feliĉe membro de ĈEA kaj konata IFEF-ano Jiří Pištora estis tiutempe vicurbestro de la urbo Česká Třebová kaj direktoro de ties urba muzeo. Ni do feliĉe faris kontrakton kun li kaj laŭ ĝi transdonis ĉiujn esperantaĵojn al tiu muzeo, kio fariĝis ĝia Esperanto-kolekto, ofte nomata koncize "***Esperanto-muzeo***".



*Petro Chrdle kaj direktorino de urba muzeo en Svitavy Blanka Čuhelová*

Tio estis bona solvo de (tiam ŝajne nesolvebla) problemo kaj la posedaĵo de ĈEA estis konservita kun garantio de neforĵeto. Sed pro manko de ekspoziciejoj ĝi fariĝis pli sekura deponejo ol muzeo, sed niaj ambicioj estis pli grandaj. Post kiam ni lernis de Jiří, ke eblas ĉe ni fondi oficialan Esperanto-muzeon, ni ekrevis pri la muzeo kun daŭra ekspoziciejo pri Esperanto.

Finfine ĉi-jare ni havis bonŝancon. Ni sukcesis trovi por la Esperanto-muzeo belegan salonon en unu el la plej belaj historiaj konstruaĵoj en Svitavy, Ottendorfer-biblioteko, portanta nomon de la mecenato, kiu ĝin konstruis en 1892, kaj de ĝia origina funkcio, kaj kun la helpo de la urbestro de Svitavy Jiří Brýdl ni ricevis eĉ financan subtenon de Ministerio pri kulturo.

La solenan malfermon de la Muzeo la 20-an de septembro ĉeestis pluraj honoraj gastoj, inter ili ankaŭ direktoro de la Esperanto-muzeo en Vieno Herbert Mayer, kiu helpis al ni per siaj konsiloj jam dum la preparetapo. Entute partoprenis la solenaĵon 146 ĉeestantoj.

La muzeo konsistas el du partoj:



*Dum malfermo, Jiři Pištora (meze) kun edzino kaj Herbert Mayer, direktoro de Esperanto-muzeo en Vieno*


La Esperanto-muzeo en Sitavy de ekstere

krom pli malgranda nepublika depozito, la ĉefa salono servas kiel ekspoziciejo. En ĝi pendas 13 surmuraj informpaneloj, 5 tablovitrinoj kuŝas kaj staras vico de vitroŝrankoj. En ĉio ĉi nun estas la unua ekspozicio, kiu strebas doni al la vizitantoj bazajn konojn pri Esperanto (kaj lingvo, kaj la vivo ĉirkaŭ ĝi) de la projektoj antaŭ Zamenhof ĝis la nuntempa Esperanto-vivo. Centre de la Muzeo staras granda busto de L.L.Zamenhof, kiu datiĝas plej probable de la jaro 1921 (la 13-a UK en Prago), prunteprenita de la jam menciita Esperanto-kolekto de la Urba muzeo en Česká Třebová. Kiel pliajn unikaĵojn, mi menciu almenaŭ la tutan jarkolekton 1912 de la japana kolora mane bindita gazeto ORIENTA AZIO kaj la originalon de la unua lernolibro de Esperanto en la ĉeĥa fare de F. V. Lorenz el 1890.

Kaj ĉefe: La Muzeo strebas dekomence esti multe pli ol nura ekspoziciejo por esperantaĵoj! Ĝi devus servi kiel esplorejo kaj edukejo, tial jam nun troviĝas tie je dispono multfunkcia informpanelo kun tuŝ-ekrano, kie oni povas konatiĝi kun fundamentoj de Esperanto, ĝiaj gramatiko, sed ankaŭ kulturo kaj realaĵoj, kaj ĝui la lingvon eĉ aŭde, aŭskultante kaj deklamatan tekston, kaj kantadon. Krome, estas tie studloko provizita per komputilo, kiu enhavas multajn utilajn datenojn, ekzemple grandan elektronikan ĉeĥan-esperantan kaj esperantan-ĉeĥan vortaron kaj liston de Esperanto-libroj disponeblaj.

Malgraŭ tio, ke la Esperanto-muzeo nur komencis sian historion, ni jam planas pliajn ekspoziciojn. Inter la proponoj estas preskaŭ certe organizota ekspozicio kun du paralelaj temoj „Esperanto kaj Fervojo“ kaj „Esperanto kaj infanoj“ (labortitoloj), kiu devus ekfunkcii aŭtune 2009. Por ĝi, ni planas organizi Internacian konkurson de infandesegnaĵoj kun la temo "Fervojo". La detalojn ni anoncos en la venonta numero de IF.


PetroChrdle kaj Miroslav Malovec metas la Majstron al honora loko

*Teksto kaj fotoj Petro Chrdle*

# * Honora Membro! * Kiu – kial ?

Ĉu denaska konduto? Ĉu socie edukita? Ĉu formigita de propraj spertoj? Kiel klarigi tion laŭeble koncize? Bonaj



konatoj jam plurfoje instigis min verki kompletan biografion, kiu laŭdire fariĝus „Bestseller“! Ja ne multaj ĝis-vivis tiujn same ekstremajn epokojn kun tiom da memorindaj eventoj.

Ne estus kajero, estus dika libro kaj tiun mi verku ne nur en la germana, sed ankaŭ en Esperanto !

Eble iam, kun helpanto talenta lingve kaj teknike! Nun mi limiĝu laŭ la surskribo.

Ja plurfoje trafis min „honorigoj“ apenaŭ atenditaj. Mi komencu ĉe la unua, kiu vole-nevole restos neforgesebla, kvankam temis nur pri „sekreta honorigo“ sen diplomo, sed ne malpli impresiga.

En aŭstria montara vilaĝo mi naskiĝis en 1925, en mizera intermilita tempo. Aparte trista situacio por infanriĉa familio, al kiu mi apartenis. 1938 Aŭstrio estis aneksita de Hitler. Mi estis 13-jara junulo sufiĉe vigla, scivola, lernema kaj despli pripensema. En la lernejo mi jam funkciis kvazaŭ klasparolanto kaj sinsekve oni elektis "destinis" min junulargvidanto laŭ nove reganta politika sistemo faŝisma. Sekvis allogaj eventoj, por malriĉa vilaĝano – daŭre ekspluatita de kamparanoj - apenaŭ imageblaj. Partopreni en junularaj kampadejoj, ŝportumi, konkuri en diversaj disciplinoj, inkluzive pafado. Lerni teknikon, ŝoforadon, motorciklan kaj aŭtomobilan dum aĝo, kiam ankoraŭ ne eblas havigi la stirlicencon. Oni postulis iĝi idolo por la junularo, en sia regiono. Evidente mi tro rapide ekkomprenis la intencon kaj celon de la reĝimo kaj mi kondutis konforme. Kruda ordonado kaj sensencaj ĉikanoj ne konkordiĝis kun mia karaktero. Kiel do elturniĝi ? Kaj kun kiu (krom patrino) – laŭeble inteligenta kaj serioza homo - libere kaj objektive paroli pri tiuj sendube danĝeraj "konfliktoj" ?

Vivis invalida, t.n. "vilaĝa onklino", legema kaj multon scianta, sed jam iom suspektata de la reĝimo. Bela nevino samdoma, kun kiu ni vizitis la saman lernejon videble favorigis min ame kaj tiele sendanĝeriĝis miaj oftaj vizitoj. La onklino jam delonge aprobis mian percepton, do tuj komprenis mian afliktiĝon kaj konsilis al mi ne liberigi tiun postenon nun en epoko kiam Dio kaj humanismo ne havas lokon. Ĉar tiu, kiu atendas okupi ĝin jam nun estas senskrupula intriganto. Fine ne nur nia junularo suferos ! Nepre evitu tion malgraŭ via jam suspektata procedo. Nur estu atentema profesie! Mi ja ekstudis profesie ĉe la fervojo kaj daŭre devis trapasi ekzamenojn, aparte severajn por

nemezlernejanoj ! Evidente pro malakcepto de proponita "NAPOLA" (politika akademio) mi estis senteble observita. (Anstataŭ esti fiera aparteni al tiu "elito"!)

Subite (?) 17-jara mi estis komandita al la germana armeo. Iom emocie mi adiaŭis la vilaĝon aŭdinte eĉ unuopajn mokantojn, konatajn kamparanojn: "Iru nun savi vian Hitlerismon"! Sendube ekaŭdis tion la "onklino", kiun mi ja iris adiaŭi. Iom pli malkaŝe ŝi kunvokis la restantan rondon kaj diris al ili: Vi ne imagas kia unika homo forlasas nian vilaĝon. Li meritas esti nomita "Honora Civitano"! Al mi ŝi diris iom pli intime: "Kara Martin restu kia vi estas kaj Dio estos kun vi"! Ege surprizis min ne nur ŝiaj adiaŭaj vortoj, sed ankaŭ la konfirmo de la homoj starantaj malantaŭ ŝi, kiujn mi opiniis ĉe la alia flanko! "Jes - diris al mi viro, kiu pli longe haltis mian manon - ekzistas homoj rezistemaj, nur ne ĉiuj same pacience homecaj kaj tamen celtrafaj kiel vi"! Mi ne scias kion mi respondis kaj kiel mi atingis mian hejmon. Rerigardante mi nur vidis svingantajn naztukojn – same kiel sekvonttage tiun de mia ploranta patrino. Tiuj ĉi - kaj la estontaj tragediaj eventoj - sendube motivigis min aparte kaj tiele akompanos min ĝis mia „fino“! (Kiu siatempe ŝajnis daŭre proksima!)

21-jara – trifoje vundita, ne tre sana - mi fine revenis de milita prizono el Afriko, kie mi lernis i.a. la anglan lingvon. Ja entute mi strebis ekzameniĝi en mezlerneja grado, tio kion ebligis la Internacia Ruĝa Kruco! Subita repatrujigo – tiukaze bedaŭrinde tro frua – malebligis la jam proksiman ekzameniĝon.

Hejmlando tute ŝanĝita, okupita de la brita armeo – kion mi diru? Ree mi estis trafe bezonata plurloke, kvazaŭ interpretisto. Multaj homoj ne plu vivantaj – krom miaj familianoj - neniu fidinda restis. Despli facile mi komencis translokiĝi al mia deĵorloko Arnoldstein, kie mi jam antaŭe faris studprogramon ĉe la germanaj fervojoj DRB, interrompita de la militservo kaj poste ne plu rekonata de la aŭstriaj fervojoj ÖBB. Mi devis trovi novan strategion en tute ŝanĝita "medio"! Ne eblis elekti : se la proponon vi ne akceptas, vi povas foriri! Mi restis kaj tuj kuraĝe intervenis kaj kontribuis al plej eble justa evoluiĝo sociala. Mi aliĝis al la faka sindikato, kie oni baldaŭ proponis min "*Edukreferento*", kvankam mi hezitis iĝi partiano, spite al plurflanka varbado. Eble tial oni eknomis min "*Griza Eminenco*". Estis konate, ke mi okupiĝis prioritate pri la restarigo de la antaŭmilita fervojista blovorkestro, tre bezonata por iom "heligi" la tiaman grizan vivon. Mi mem ekludis klarineton, sekvis saksofono ĉefe por la antaŭvidita dancensemblo. Restis kelkaj neforgeseblaj epizodoj. Sed reveninte, jam ne vere sana, mi fizike ne eltenis ĉion ĉi, apud la respondecplena alterna tag/nokta deĵorado. Post necesa operacio mi devis ĉesi la blovadon. Funkciulo mi estis reelektita ĝis kiam la muzikasocio stabiliĝis. Sed ankaŭ poste mi konstante helpis kaj ankoraŭ helpas, kion la estraro de la asocio rekonis per transdono de "Honora Diplomo"!

Kiel sociala demokrato mi dume trovis lokon en la samnoma partio.

Aldoniĝis funkcioj, intertempe jam en pluraj instancoj, krom sindikataj ankaŭ partiaj kaj komunumaj, ĉefe en sociala kaj kultura fakoj.

En mia vivo do neniam estis tempo por enui. Vivanta en tikla plurlingva regiono mi eklernis Esperanton aŭtodidakte, kun la "vizio" esperantigi la "Trilandangulon"! Okazis, ke ankaŭ en tiu movado mi ne restis longe simpla membro.

Dum 33 jaroj, mi agadis en la Komitato "Trilanda–Alp/Adria", kiun mi ja kuniniciatis - plejparte persone prezidis kaj antaŭ ĉio partoprenis sinsekve ĉiujn renkontiĝojn/konferencojn – seninterrompe 33-foje!

Tiun ĉi epokon mi jam priskribis pli detale en aparta ĉapitro. Okaze de la 27-a IFEF-kongreso, en la jaro 1975, mi sukcesis nomigi nian fervojkvartalan straton ***"Esperantostraße"!*** Por nia komunumo mi do aktive radiis ankaŭ trans la limojn. Konsiderante ĉion ĉi, oni jam plurfoje invitis min al honoriga festo.

Supozante, ke tio okazas nur pro "oldiĝo" mi sukcesis ĉiam iel elturniĝi, dirante ke mi forestos tiutempe.

En la tempo, kiam nia eksurbestro planis fini sian oficperiodon, li alvokis min telefone demandante :

*"Ĉu vi donus al mi la honoron honorigi vin ?"* Ne plu eblis elturniĝi, ĉar li tiel konvinke argumentis, ke mi akceptis partopreni lian lastan tiucelan feston. Nia komunuma honorinsigno simbolas historian legendon de antikva loka burgo/klostro: *"La Blanka Rozo de Arnoldstein".*

Post 15-jara prezidanteco en la regiona fervojista sekcio de pensiuloj mi trovis indan posteulon por transdoni la funkcion. Okazis laŭstatuta ĉefkunveno en plena kulturdomo, en Arnoldstein. Honorigis la kunvenon altrangaj funkciuloj – eĉ la landa prezindanto sindikata kaj samtempe parlamenta. La ĉefan parton ja ankoraŭ mi gvidis kaj do ankaŭ salutis ĉiujn gravulojn aparte, esprimante mian ĝojon. Post la novelekto mi bondeziris al la novaj estraranoj kun la peto, ke ankaŭ ili estu same subtenataj. Dankinte mi forlasis por ĉiam la scenejon en tiu funkcio. Ie en la lastaj vicoj de la salono mi trovis liberan sidlokon, de kie mi observis la scenejon. Okazis eksterordinara moviĝo sur la scenejo. Kolektiĝis ĉiuj altranguloj parolantaj inter si. Fine iris al la mikrofono la novelektita loka prezidanto kaj la prezidanto de la landa parlamento, en la funkcio de la landa sindikata prezidanto. Mi aŭdis paroli pri apartaj meritoj kaj supozis, ke temas pri iu sursceneja funkciulo. Subite mi ekaŭdis voki mian nomon, mi opiniis, ke eble ankaŭ mi ĉeestu ties honorigon. Kiam mi atingis la scenejon, staris ĉiuj ronde kaj prezentis al mi Diplomon kun la surskribo ***"Honorprezidanto",*** laŭ kiu mi rajtas partopreni ĉiujn kunsidojn voĉdonrajte dum mia tuta vivo! Gratulis al mi la tuta estraro dum ĉiuj ĉeestantoj aplaŭdis starante. En neniu alparolo mankis la alvoko, ke tio ne signifas, ke mi ne plu aktiviĝu, sed restu je dispono kun miaj longjaraj spertoj.

Supre jam estas legeble, ke mi kiel fervojisto enviciĝis – kaj tion

unuavice – en la faka E-movado : „Aŭstria Fervojista Esperanto-Federacio“ (AFEF) kaj samtempe "Internacia Fervojista Esperanto-Federacio" (IFEF)! Kun despli da entuziasmo, ĉar IFEF havas statutojn kaj regularon, laŭ kiuj oni povas senti sin en vere demokrata kaj plejeble fake kaj sperte gvidata unuiĝo. ›Prezidantaro↔Registaro‹ kaj› Komitato↔Parlamento‹! Ĉiuj severe elektitaj de la membraro. Kompreneble ankaŭ la laŭleĝa kontrolkomisiono ne mankas. Volonte mi kunlaboras, nacie kaj internacie! Dume jam pasis preskaŭ duona jarcento kaj apenaŭ eblas noti ĉiujn miajn diversajn funkciojn / agadojn.

Kaj jen estas mi, kiu devus anticipe gratuli al la IFEF-estraro kun la tuta Komitato kaj al miaj gekolegoj en la AFEF-estraro! Ne nur pro la sekreta esploro de mia pormovada agado, sed ĉefe pro la centprocenta prisilento de mia honorigo. Konsiderante la laŭ-statutan – sufiĉe longedaŭran – procedon tra ĉiuj instancoj aspektas tio mirakle. Ja temas pri la plej alta kaj limigita honorigo, kiun IFEF havas je dispono! Ne imageble! Mi estas en la estraro de AFEF kaj en la Komitato de IFEF, ne surda kaj eĉ ne soneton mi ekaŭdis! Estas klare, ke mi nek la jubilean 60-an IFK, nek la impresigan paroladon de nia prezidanto, d-ro *Romano Bolognesi*, povos forgesi. Li estas konata, ekscelenta parolanto "kvazaŭ filozofo", kiu cetere scias prelegi eĉ pri ne kutimaj temoj. Kun ĝojo mi aplaŭdis la transdonon de "Honora Diplomo" al mia persona ĉeĥa amiko, Jiři Pištora, kiu bedaŭrinde kuŝas hejme malsana.

Kun iom ŝanĝita akcento li atentigis pri kulmina paŝo - transdono de Diplomo al "Honora Membro". Li parolis pri tiom da meritoj, ke mi nepre provis reaktivigi mian ĵus ne plu funkciantan fotoaparaton. Tiun "tipon", pri kiu mi ŝajne neniam aŭdis, mi nepre devos foti. Mi jam kontrolis la salonon, eĉ kiam mi aŭdis, ke temas pri "Martin Stuppnig"! Ĉu ekzistas dua ? Ne, la tuta estraro rigardis min kaj ĉiuj ekaplaudis. Per neniu vorto mi povas priskribi mian animstaton. Fulme trairis mian kapon kaj animon mia sorto ekde la juna vilaĝano el malriĉa familio.

Ja vere mi sukcesis ekkoni iom la mondon - despli intensive dank‘ al Esperanto kaj nun mi staras antaŭ la internacia honorigo! Kortuŝita, plene surprizita mi fine aperis antaŭ la prezidanto, kiun mi preskaŭ ne vidis pro "nebulaj" okuloj. Post la transpreno oni atendas almenaŭ kelkajn frazojn, sed momente mi estis senvorta. "La unuan fojon" diris la prezidanto, kiu ja jam delonge konas min. Fine mi retrovis mian voĉon kaj dankis sincere al ĉiuj, kiuj sekvis mian vojon ! Kelkaj esperantistoj poste sciigis tiun eventon en propraj presaĵoj. Kulminas nia vicprezidanto de IFEF, inĝ. *István Gulyás*, en la fama Hungara Fervojista Mondo! Dankegon al ĉiuj! Kaj kiel post la antaŭaj honorigoj, mi ankaŭ nun ne restos kviete sidante en iu "distingita angulo".

Do, kalkulu iom ankaŭ estonte kun mi! Kun la "Honora Membro de IFEF"

*Arnoldstein, 8.8.2008*
*Martin Stuppnig*

# La plej norda fervojo …

Sur la kanada insulo Baffin Island oni planas konstrui fervojlinion.

Baffin Island estas la kvina plej granda insulo en la mondo. Ĝi situas en la Glacia Maro sur sama latitudo kiel Ilulissat/Jakobshavn en Gronlando (vidu la mapon).




NU estas la kanada regiono Nunavut, G.. estas Gronlando, Baffin Island en la mezo

La averaĝa temperaturo estas -15 gradoj C, kaj en la vintro oni povas sperti ĝis 54 minusgradoj.

La mineja kompanio BAFFENLAND (indikita per verda koloro – kaj en Nunavut kaj sur Baffin Island) ekspluatas ferercon sur la insulo, kaj pro tio necesas fervojo, kiu transportu la ercon ĝis la haveno por plia transporto al Eŭropo. La fervoja itinero longos 149 km-ojn kun elirpunkto ĉe la Mary River-minejo. La projekto konstrui fervojon tie estas unika pro la ekstremaj klimataj kondiĉoj en Baffin Island.

La tutan insulon kovras permafrosto (ĉiam frostita tero), kaj tio donas problemojn, ĉar plej multaj konstrumaterialoj iĝas nestabilaj, pro la veteraj kaj temperaturaj ŝanĝoj somere-vintre. Pro tio oni devos konstrui tavolon, kiu kapablas porti pezan transporton, kaj cetere oni devos prizorgi drenadon de la tero por eviti damaĝojn per akvo.

Estas grave, ke la tero restas ĈIAM tute frostita, por ke la tavolo estu plejeble stabila. Eĉ malgrandaj ŝanĝoj kaj damaĝoj en la subsituanta permafrosta tero povas rezultigi gravajn problemojn pri bontenado de la trakoj.

Kelkaj el la solvoj elektitaj por konstruo en Baffin Island baziĝas sur spertoj de Alasko kaj Tibeto. Tre efika en tiaj regionoj estas protekta digo, kiu konservas la froston en la tero sub la trakoj. Por certigi tion, oni konstruas la digon kun ventumiloj, kiuj lasas al la vento malvarmigi la teron – per kanaloj en la digo aŭ per submetitaj grandaj ŝtonoj kun multe da aerspaco inter si.

Oni uzos relojn faritajn el karbona-ŝtalo, ĉar ili ne, kiel ordinaraj ŝtalreloj, krevas en la ekstrema malvarmo.

La inĝenieroj daŭre laboras pri la lastaj desegnaj detaloj, kaj la konstrulaboro en Baffin Island komenciĝos laŭ la plano en 2010.

(*Fonto: Ĵurnalisto Nya Vecht*)

*Jan Niemann*

# La trajno ZAMENHOF startis la vojon de Bjalistoko al Bielsko-Biała la 1-an de junio 2008




Survoje, sur kajoj de diversaj stacidomoj atendis ilin esperantistoj por saluti la estimatan paron.

La kreinto de Esperanto estis bjalistoka okulkuracisto - Ludoviko Zamenhof. Komparante la nombron de la monumentoj starigitaj en 5 kontinentoj omaĝe al la plej konataj poloj , oni povas diri, ke Ludoviko Zamenhof estas la tria post la papo Johano Paŭlo la Dua kaj la komponisto Frideriko Chopin. En la jaro 2000 legantoj de la ĵurnalo „Gazeta Wyborcza" en la plebiscito, elektis Ludovikon Zamenhof „Bjalistokano de la XX-a jarcento". Nun kongresanoj, kiuj venos en 2009 por kongresi en Bjalistoko (Pollando) povos vojaĝi tien per la rulanta monumento.







*El informilo de la 94-a UK en Bjalistoko*

# Kelkaj retejoj...

Dum la lasta IFEF-kongreso, iuj petis resuman artikolon pri vizitindaj retejoj rilatantaj al IFEF. Ĉu vizitindaj estas la sekvantaj retejoj ? Respondon vi povos mem elekti vizitante ilin !

**www.ifef.net** : memkompreneble, kvankam amatore farita, tiu ĉi retejo estas la plej grava ĉar ĝi donas ĝeneralajn informojn pri la federacio. Tie eblas legi ekz. koncizan prezenton pri IFEF en pluraj lingvoj (dankegon al la tradukintoj... kaj tradukontoj !), la statuton kaj regularojn de IFEF, informojn pri okazontaj kongresoj, pri la senĉesa laboro de IFEF-fakuloj, pri la diversaj bultenoj (de IFEF kaj de la landaj asocioj), ktp.

Vi trovos ankaŭ paĝon kun ligoj al hejmpaĝoj de landaj asocioj de IFEF :

**http://afef.esperanto.at** : AFEF (Aŭstria Fervojista Esperanto-Federacio). Legeblas listo de prifervojaj terminoj en la germana kaj en Esperanto,...

**http://www.jernbaneesperanto.dk** : DEFA (Dana Esperantista Fervojista Asocio). Legeblas paĝo pri novaĵoj, enretigita bulteno, DEFA-historio,...

**http://ifef.free.fr/ffea** : FFEA (Franca Fervojista Esperanto-Asocio). Troveblas kalendaro pri kongresoj kaj staĝoj,... (ankaŭ ligo al la retpaĝaro de TEF, Tuluzaj Esperantistaj Fervojistoj : http://pagesperso-orange.fr/TEF-ESPERANTO)

**http://www.dlfbo.it/esperanto** : IFEA (Itala Fervojista Esperanto-Asocio). Eblas elŝuti bultenojn.

**http://www.pefa.pl** : PEFA (Pola Esperantista Fervojista Asocio). Eblas elŝuti bultenojn,...

Krom tiuj asociaj paĝoj, vizitindas ankaŭ la retpaĝaro de Tibor KRISTÁLY. Ĝi enhavas paĝon kun 20 fervojfakaj pdf-dosieroj : kiel la fervojo funkcias, muŝokula reflektoro, horareksplikoj, bildvortaro, trakforkoj,... La rekta adreso estas : **http://espleono.uw.hu/fervojo.html**

Ankaŭ vizitindas www.wikipedia.org en kiu la paĝoj pri IFEF (**http://eo.wikipedia.org/wiki/IFEF**) kaj ties landaj asocioj lastatempe mirinde multiĝis dank' al la iniciato kaj granda laboro de nia kolego Leopold Patek : tio estas montrofenestro pri IFEF al la ekstera mondo, des pli efika, kiam ĉiu en sia lando estos tradukinta la koncernajn paĝojn al sia lingvo.

Memkompreneble, tiu ĉi listeto probable ne estas kompleta... sed pli kaj pli kompletiĝos dank' al ĉiuj viaj kontribuoj, kiujn vi certe faros tuj post finlego de ĉi-teksteto ! Ĉiu povas helpi per informoj pri sia landa asocio, per faka materialo, ktp.

Agrablajn vizitojn kaj kontribuojn !

*Laurent VIGNAUD*
*<laurent.vignaud@free.fr>*




**La Franca fervojista Esperanto Asocio festos sian 60 jaran kreado-datrevenon okaze de la venonta nacia kongreso en Bretonio.**

Por pliaj informoj, bonvolu sin turni al :

Jeannine Daguin, résidence Belle fontaine, 11 rue Louis Gain,
49100 ANGERS
Telnumero : + 332 41 86 00 78
Retadreso : jaja.daguin@wanadoo.fr
La eksterlandanoj pagos surloke.

*********************************************************************

# Du membroj de IFEF inter la novaj honoraj membroj de ĈEA


*Petro Chrdle*


*Jindřich Tomišek*

Inter la honoraj membroj de ĈEA ekzistas (memkompreneble!) ankaŭ meritplena membro de IFEF Jiří Pištora. Sed ekde oktobro 2008 aldoniĝas al li pliaj du IFEF-membroj, nome Jindřich Tomíšek, multjara prezidanto de la IFEF-sekcio en Ĉeĥio kaj ĉefdelegito de IFEF, kaj Petro Chrdle, i.a. la iniciatinto kaj la unua redaktoro de la Fervojfakaj Kajeroj kaj iama gvidanto de la Fake -Aplika Komisiono (klarigo por pli junaj: tiu komisiono pli poste estis kunigita kun terminologia komisiono al nuna Faka komisiono), ĉeforganizanto de du IFEF-kongresoj kaj de la Skisemajno 1996.

Gratulon al ili.

*La redaktoro*

# 1-a Vintra I*nternacia* F*ervojista* E*speranto* *Semajno* (VIFES) (*50*-a Internacia Fervojista Esperanto Skisemajno >IFES<)

**Braŝovo - Rumanio**
**21 - 28.02.2009**

Kontaktadresoj:

**rete: rodica_todor@yahoo.com**
s-ino Rodica TODOR poŝtel: 040 722 792849
500289-Braşov, B-dul Valea Cetății nr.22, bl. B 24, sc.A, ap.5
Romania

Bankkonto en Euro: **RO 34BRDE080SV18632950800**
**pt. As. Feroviarilor Esperantişti, str. Politehnicii 1, Braşov**
**Bv-ROM**

| **KOTIZOJ:** | **ĝis la 31.12.08** | **ekde 01.01.09** |
|---|---|---|
| - aliĝkotizo | 20 EUR | 30 EUR |
| - aliĝkotizo por partoprenantoj el la ekssocialismaj landoj | 10 EUR | 15 EUR |

Koncerne malmultekostan loĝadon, estos disponeblaj unu-, du- kaj tri-litaj ĉambroj.
Prezo okaze de tutsemajna (7 taga) restado, en unu-stela hoteloj ARO SPORT kaj POSTAVARUL, kaj du-stela hotelo COROANA <dependas de la elektita hotelo>.

La menciitaj hoteloj situas en la urbocentro kaj estas facile atingeblaj de la ĉefa stacidomo per buslinioj 4 kaj 51, ĝis la bushaltejo "Primarie" (esperante - "Urbodomo"). Trapasante Centran Parkon, 4-5 minutojn piedire, oni alvenas al la akceptejo de la hoteloj.

Hotelo "COROANA", du stela, havas unu- kaj du-litajn ĉambrojn, ekipitajn per kablotelevido, telefono, duŝejo kaj necesejo. Ret-aliro senpaga.
Prezo por unu nokto / por unu persono en:

unu-lita ĉambro 36 EURO (kun matenmanĝo)
du-lita ĉambro 26 EURO ( „ „ „ „ )

Hotelo "POSTAVARUL", unu-stela, havas unu-, du- kaj tri-litajn ĉambrojn ekipitajn per lavabo(varma kaj malvarma akvo), telefono, necesejo. Duŝejoj troviĝas en la koridoro. Ret-aliro senpaga.
Prezo por unu nokto / por unu persono en:

unu-lita ĉambro 18 EURO (kun matenmanĝo)
du/tri-lita ĉambro 15 EURO ( „ „ „ „ )

Hotelo "ARO SPORT", unu-stela, havas nur du-litajn ĉambrojn, ekipitajn per lavabo (varma kaj malvarma akvo), duŝejo kaj necesejo en la koridoro.
Prezo po nokto/po persono : 11 EURO (sen matenmanĝo)
En la urbo Braŝovo troviĝas, laŭdezire, ankaŭ luksaj hoteloj.
La menciitaj prezoj validas por la jaro 2008. Eblas, ke pro inflacio ili altiĝos en la jaro 2009. Ni anoncos je la komenco de la jaro 2009 iun ajn ŝanĝon koncerne la prezojn.

**Limdato por aliĝo: la 31-a de Januaro 2009**.
Atingeblecoj:
Eblas uzi internaciajn trajnojn: Dacia (el Vieno), Ister (el Budapeŝto), Pannonia (el Praha).
Eblas flugi al Bukareŝto kaj de tie, trafi trajnon aŭ buson ĝis Braŝovo.
La stacidomo situas unu kilometron for de la hoteloj.
**Kondiĉe de anonco de via alveno, vi estos akompanataj.**

Skieblecoj:
Oni proponas plurajn skicentrojn en: Poiana Braŝovo (13 km-ojn, atingebla per buso), Predeal (25 km-ojn, atingebla per trajno kaj buso), Azuga (30 km-ojn, atingebla per trajno kaj buso), Sinaia (40 km-ojn, atingebla per trajno kaj buso).
La plej proksima skicentro, Poiana Braŝovo, disponas pri skiterenoj por komencantoj kaj spertuloj. En ĉiuj proponitaj skicentroj funkcias skiliftoj, seĝliftoj, eblas pruntepreni skiad-ekipaĵojn k.t.p.
Programeblecoj:

**La programo komenciĝos sabate, la 21-an de Februaro, per interkona vespero (18.00h) kaj finiĝos sabate, la 28-an de Februaro, post matenmanĝo.**

La organizantoj proponas kutimajn programerojn, kiuj dependos de la nombro de la aliĝintoj.
Temas pri interkona kaj adiaŭa vesperoj, prezentado de la pasintaj IFES-oj, prelegoj kaj **ĉiu-tagaj E-kursoj**, karnavalo **(estas devige kunporti kostumojn)**, kulturaj, sportaj kaj turismaj programoj.

Laŭ la emo de la partoprenantoj, jen la plej vizitindaj elektoj:

- la urbo **BRAŜOVO** - la urbofortikaĵo ĉe la malsupro de monto Tâmpa (960 m).

- la fortikita preĝejo **PREJMER** (10 km) kaj la fortikaĵo **RÂŞNOV** (15 km) - tre bone konservitaj atestoj pri la rumana historio;

- la **Kastelo BRAN**, troviĝanta 30 kilometrojn sude de Braŝovo. Ĝi famas pro ĝia beleco kaj la ĉirkaŭanta pejzaĝo, sed ĝia famo ligiĝas, precipe, al la legendo de la Grafo Drakula.

- la fama **reĝa Kastelo PELES** - la ĉefa pitoreskaĵo de la urbo Sinaja (40 km).
Ĝiaj diversstilaj salonoj, ĉambroj, koridoroj ofertas al la vizitantoj veran lecionon pri arto. Laŭ deziro, dum ĉi tiu ekskurso, oni povas viziti (per telfero) la plej altan pinton de la montaro Buĉeĝi (2007 m),

- la urbo **SIGISOARA** (100 km) - atestita ekde la jaro 1191. Ĝi estas la nura fortikaĵo seninterompe enloĝata ĝis nun. La ramparo estas tre bone konservita kaj la malnovaj stratetoj kaj domoj estas ege pitoreskaj.
Allogas la vizitantojn la Turo kun horloĝo kaj la domo kie, laŭ la legendo, tranoktis Vlad Ţepes (t.n. Drakula).

- la ĉefurbo de Rumanio – **BUKAREŜTO** (120 km) - kie oni povas viziti i.a. la duan konstruaĵon en la mondo post Pentagono - la Palacon de la Parlamento;

- la urbo **SIBIU** (140 km) - la kultura ĉefurbo de Europo en 2007.

***La organizantoj esperas, ke la riĉa programo, la urbo elektita tiel, ke ĝi konvenu por ĉiuj aĝkategorioj, la regiono kiu estas unu el la plej famaj ripozlokoj en Rumanio kontentigos ĉiujn aliĝintojn.***
***Nia konsilo estas akcepti la INVITON al unika aranĝo, nove nomumita, en la 60-a IFK en Poznan: "VIFES": "Vintra Internacia Fervojista Esperanto Semajno". Ĝi okazos en mir-inda regiono de la Sud-Orientaj Karpatoj. La 1-a VIFES inde anstataŭos la 50-an IFES!***

**ALIĜILO**
**Por ricevi aliĝilojn, bonvolu sin turni al via IFEF-Landa Asocio**
**aŭ rete : www.ifef.net**



Johann Geroldinger, kiel IFES-patro (nomita de la IFEF-estraro), tre ĝojus saluti la partoprenontojn dum tiu aranĝo kaj promesas gravan helpon pri insignoj, premioj, kaj ankaŭ financoj.

# *Historia libreto okaze de la centjara datreveno de IFEF*

SUMO
atingota
ricevita

***Jam ekzistas tri historiaj libretoj de IFEF memorigantaj ĝian movadon ĝis la jaro 1999. Sed ĉu ne estus interese kolekti la memoraĵojn de la nuna epoko (1999-2009) kaj eldoni novan historian libreton cele al konservi papere la IFEF-okazintaĵojn?***

***IFEF-estraro proponas, tiucele, malfermi fonduson.***

***Pro tio, estus necese havigi sumon de 5 000 € por la realigo de du-tri-centpaĝa dokumento eldonota tri cent ekzemplere.***

***Por ke ni havu kompletan bildon de la IFEF-movado dum 100 jaroj, helpu la realigon de tiu projekto :***

- ***per la kolekto de viaj enlandaj arkivoj,***
- ***per financa helpo al tiu fonduso (bonvolu sendi monhelpon al nia kasisto kun mencio de la fonduso).***

***µµµµµµµµµµµµµµµµµµµµµµµµµµµµµ***

***Dankegon***

***Ni dankas s-ron Johano Géroldinger por la grava monhelpo, kiun la faris profite al ĉi supra fonduso.***

**INTERNACIA FERVOJISTO**
*60-a eldonjaro*

Dumonata fervojfaka revuo en Esperanto kaj organo de **Internacia fervojista Esperanto-Federacio**

**Prezidanto:** Romano Bolognesi
Via Misa 4
IT-40139 Bologna, Italio
"co16919@iperbole.bologna.it"

**Vicprezidanto:** István Gulyás
Rákos u 98
HU-1155 Budapest, Hungario
"kozsu13@freemail.hu"

**Sekretario:** Marica Brletić
Peruanska 12
HR-10090 Zagreb
"marica.brletic@hznet.hr"

**Kasisto:** Laurent Vignaud
3 Allée du Haras, App 132
FR-49100 Angers
Tel: +33 (0)2 41 20 19 40
"laurent.vignaud@free.fr"

**Redaktoro**: Jean Ripoche
5 Allée Morillo
FR-44300 NANTES
France
Tel/fakso + 33 (0)2 40 50 57 43
"jeanripoche@wanadoo.fr"

**Franca poŝtĉekkonto:**
**Atentu:**
Ĉekoj aŭ ĝiroj al **"Laurent Vignaud"**
**9 293 74 Y NANTES**
(ĝirante el eksterlando, aldonu 2 eŭrojn pli por bankelspezoj)
IBAN:
FR3320041010110929374Y03237
BIC-kodo: PSSTFRPPNTE

**UEA-konto:** iffk-o

**Apermonatoj:**
januaro, marto, majo, julio, septembro, novembro.

**Redaktofino:**
Ĉiam la 10-an de la antaŭa monato

**Presejo:**
Generaldirekcio de MAV
Andrássy ùt 73/75
HU-1062 Budapest, Hungario

**"www.ifef.net"**
ISSN 1397-4270
VIG 2003.494

**Faka komisiono**
GV: Jan Niemann
"niemann@kabelmail.dk"
SK: D-ro Heinz Hoffmann
"Hoffmann-IFEF@t-online.de"
SK: Inĝ Ladislav Kovář
"ladislav.kovar@worldonline.cz "